III Jaro.★XXVIII Num.
★ Aprilo.—1919 ★
★ ★ MADRIDO ★ ★

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRITA REVUO MONATA

Oficiala Organo :-: :-: :-:
:-: :-: :-: de "Zamenhofa
kaj Andaluzia Federacioj„



S-RO WENCESLAO CIMR

Sperta esperantisto bohema kaj bonega fotografamataro, al kiu ĉi tiu revuo ŝuldas fotografajojn pri Sevilla kaj *Itálica*

# El kantoj de Aragon

Jam la brilon de la suno
Mi ne povas admiri,
De kiam al la fenestro
Ŝi ne volas eliri.



Same kiel la hirundoj
Konstruas la sian nest',
Nian hejmon ni aranĝu
Por longedaŭra kunest'



Iam, mi al knabin' petis
Por mia kor' almozon.
Ve! Pikis la manon mian
Akraj dornoj de l' rozo.



Ŝi volas ke mi ŝin amu;
Sed la mian amsenton
Ŝi sufokas, turniĝanta
Kvazaŭ montril' de l' vento.



Ĉe la bordo de la maro,
Ne demandu ĝian ond'
Pri amo marveturanta:
Vi ne atingos respond'!



# La edukado de la karaktero

Kiu ne volus pliboniĝi, kiu ne volus malaperigi siajn mankojn kaj siajn malbonajn ecojn, liberiĝi de koleremo, mallaboremo, sensualeco?

Multaj filozofoj neas la eblecon, ke oni povas ŝanĝi la karakteron. Estas kompreneble ke ŝanĝi la karakteron estas unu el plej malfacilaj taskoj, tamen la observado de la vivo pruvas al ni ke la karaktero estas ŝanĝebla, kvankam ne subite, nek tro facile.

Ni trovas homojn, kiuj sole post longjara penado ŝanĝas sian karakteron, kaj kelkaj tute ne estas kapablaj plibonigi ĝin, tamen ni trovas ankaŭ homojn - kvankam tre malofte—kiuj sukcesas plibonigi sian karakteron post mallonga tempo.

La ĉefa hondiĉo por plibonigo de la karaktero estas firma volo. Homoj kun forta, necedema volo estas kapablaj aliformiĝi post nelonga tempo, sed ne ĉiuj havas tian volon kaj tamen ĉiuj inteligentaj kaj iom instruitaj homoj povus liberiĝi de malbonaj kutimoj kaj atingi bonajn, se ili havus iom da pacienco kaj konstanteco.

Ĉio granda estas simpla kaj ankaŭ tiu ĉi problemo estas solvita per du simplaj vortoj; *penso* kaj *konstanteco*, ĉi tiuj du miraklaj vortoj malfermas al ni la pordon al libereco kaj feliĉeco.

Oni eraras, ke la libereco aŭ feliĉeco estas, havi multe da mono kaj nenian okupon, ĉar la riĉuloj ĝenerale estas sklavoj de siaj pasioj, timo kaj superstiĉo.

La vera libereco kaj feliĉeco estas la regado de noblaj kaj moralaj sentoj super la impulsoj de besteco kaj malnoblaj instinktoj.

Regu vin mem kaj vi estos feliĉa, ĉar la feliĉo dependas de sinregado.

Ofte ni vidas homojn, kiuj ekscitiĝas kaj malpacienciĝas pro bagatelaĵoj, ne sciante sin regi eĉ en la plej simplaj malkonvenaĵoj. Tiaj homoj suferas senĉese kaj fariĝas en ekstrema grado nervemaj kaj ne sole ili suferigas sin mem sed ankaŭ tutan sian ĉirkaŭaĵon.

Ilia karaktero estas kvazaŭ infekta malsano, kiu infektas ĉiun, kiu kontaktiĝas kun ili.

Estas necese eviti rilatojn kun tiaj homoj, ĉar ilia senĉese malharmonia karaktero post iom da tempo influas nin.

Praktike mi observis en unu granda entrepreno, ke la malbona humoro de la ĉefo produktis malagrablan tagon al tuta laboristaro. Aliflanke mi observis, ke en la societaj kunvenoj unu sola membro per sia ĉeesto kaŭzis grandan ĝojon kvankam li eĉ ne parolis.

La gaja kaj morala homo, estas fonto de feliĉo por ĉiuj kiuj rilatas kun li. Li senĉese elradias ĝojon kaj noblajn sentojn kaj oni povas vidi facile, ke li transformas tutan sian cirkaŭaĵon en teran paradizon.

Kio kaŭzas tiun ĉi internan gajecon? La pensoj bone direktitaj kiuj post iom da tempo fariĝas kutimoj kaj fine ili formas nevenkeblan karakteron.

Kia estas do la kaŭzo, ke la grandaj herooj mortas kun la rideto sur la lipoj? La ĉefa kaŭzo estas, ke ili ne pensas pri la morto kaj sole pensas pri sia idealo kaj tiu ĉi ideo igas ilin forgesi pri si mem.

Komparante aliformiĝon de la karaktero kun la heroeco ni konstatas, ke por fari heroaĵon estas necesa forta impulso de la volo kiu kvazaŭ ebriigas la heroon kaj okupas tutan lian intelekton concentritan sole sur la idealon, kaj por aliformigi la karakteron estas necesa firma volo konstante direktante la pensojn je la dezirata perfektiĝo de karaktero kaj ĉiam preta por kontraŭstari ĉiujn impulsojn de besteco.

Ni devas esti ĉiam atentaj pri niaj pensoj kaj ne permesi la eniron al la pensoj kiuj povas inciti la bestajn instinktojn kiuj kaŝiĝas en nia interno.

Se ni pro malatento permesas ke la pensoj veku ian instinkton aŭ pasion, ĝenerale ni ne trovas sufiĉe da forto por subjugi ĝin, kaj ni fariĝas la sklavoj de la vekita pasio. Tial la pensoj devas esti senĉese sub la kontrolado de la volo, kaj ne permesita la eniro al pensoj vagaj kaj malbonaj kiuj povus ekflamigi la la pasiojn aŭ bestajn instinktojn.

Sed oni demandos, ĉu ekzistas ankoraŭ aliaj rimedoj por venki la malkonvenajn pasiojn kaj ekscitiĝojn?

Efektive la kuracistoj konas kelkajn medikamentojn kiuj povas, ekzemple, neniigi la seksan ekscitiĝon, sed tiujn ĉi rimedojn oni ne povas havi ĉiam je dispono kaj ilia ofta uzado povas kaŭzi korpajn malsanojn. Por venki la mallaboremon kaj intelektan apation, oni uzas la kafon, kiel incitilon, sed ĝi tro akcelas la korbatadon kaj en kelkaj homoj ĝi ekscitas la koleron aŭ teruriĝon kaj aliajn nervajn malsanojn.

Sekve tiun ĉi rimedon ni devas uzi tre prudente.

Alia rimedo tre efika estas la regado de muskoloj. Por kompreni ĉi tion pli bone, ni analizos plej frue la manieron kiel oni ekscitas la koleron. Ni stariĝu antaŭ la spegulon kaj imitu la kolerulon fermante la pugnojn kunpremante la makzelojn, akcelante la spiradon kaj streĉante la vizaĝmuskolojn, kaj ni vidos, ke post mallonga tempo ni eksentos la veran koleron.

Sekve el tio ni konos, ke se ni imitas la pozicion kaj muskolstreĉiĝon de iu ajn besta instinkto aŭ pasio ni facile produktos tiun ĉi korpan ekscitiĝon.

La knaboj kiuj komencas ŝerce lukti finas per vera interbatiĝo, ĉar ili ŝerce incitas siajn instinktojn kaj fine la instinktoj fariĝas superaj al ilia volo kaj la rezultato de tio estas, ke ili fariĝas sklavoj de la vekitaj pasioj.

Du amikej komencas ŝerce sin riproĉi kaj finas per insultado aŭ malpaco.

La vekita kolero satiĝas per insultadoj kaj batoj, kaj la amo per karesoj, ĉirkaŭpremoj kaj kisoj.

Ni vidis, ke la ekscito-de kolero estas ebla per la imitado de kolerulo, kaj el tio ni povas dedukti, ke se ni volas eviti tiun ĉi malnoblan senton ni devas fari la kontraŭon kiam nin atakas simila pasio, t. e., malstreĉi muskolojn, reteni la spiradon kaj devigi nin rideti.

Kontraŭ seksa ekscitiĝo estas rekomendataj longaj promenadoj, kuŝiĝi nur kiam oni sentas dormemon kaj leviĝi tuj kiam oni vekiĝas kaj esti ĉiam per io okupita.

Ĉi tiuj rimedoj de si mem ne sufiĉas, ĉar ili devas esti akompanataj de la penso.

Mi demandis unufoje eminentulen, kiel li sukcesis esti ĉiam virta, kaj li respondis: *Ĉar mi neniam havis tempon, pensi pri malvirto.*

La pensoj estas fortoj nevideblaj por nia fizika okulo, tamen ekzistas personoj kiuj certigas, ke la pensoj havas formojn vide-

blajn per la pli subtilaj organoj, kiuj ekzistas en nia korpo, kaj kiuj en malproksima estonteco estos disvolvitaj en ĉiuj homoj.

Nuntempe la hipnotismo kaj la telepatio pruvas al ni, ke la pensoj estas subtilaj fortoj. La klarviduloj certigas, ke la pensoj havas rozan koloron, sensualeco kaj kolero estas ruĝa (sangokolora), simpatio estas verda, malamo nigra, timo griza, k. t. p. Sed pri tio ni ne povas nun okupiĝi kaj se iu deziras ĝin studi pli profunde, trovas en la teozofiaj aŭ okultistaj librejoj grandan literaturon kiu dediĉas sin pli detale al tiuj ideoj.

Kin scias pensi kion li volas, tiu scias ankaŭ la sekreton de sukceso en ĉiuj entreprenoj. Bedaŭrinde la pli multo de la homaro estas sklavoj de sia ideoj, pasioj kaj instinktoj kaj zorgas neniel pri la direktado de siaj pensoj dirante, ke estas neeble venki ilin.

Ĉiuj famaj homoj sciis, se ne tute almenaŭ grandparte, regi kaj direkti laŭvole siajn pensojn.

La unua paŝo al regado de la pensoj estas koncentriĝo aŭ haltigo de la penso. Mi konsentas, ke ĝi estas nun el plej malfacilaj taskoj, tamen ĝi estas ebla kaj ĉiu ĝin povas atingi, se li dediĉas al tiu laboro sufiĉe da tempo. Mi ĝin rekomendas al ĉin homo, kiu volas rapide progresi kaj prosperi en siaj entreprenoj. Se venas ia ideo en nian cerbon, ni devas ĝin profiti kaj tiel dirite elpremi el ĝi enhavas, ĉar sole tiel ni trovas la utilecon en la pensado.

Ekzemple, ni supozu, ke venas en nian cerbon ideo pri frateco. Plejfrue ni devas ĝin haltigi kaj se ĝi forkuras ni ĝin revenigas, kaj ne permesas eniri aliajn pensojn. Ni komencas analizi kaj kompari la frateco en la familio, poste inter la kunvivantoj poste inter la samnacianoj kaj fine inter la tuta homaro kaj se ni procedis bone, ni sentos ke nia entuziasmo kaj interna ĝojo grade pligrandiĝas kaj alportas al ni kontentecon. Sole tia maniere ni utile profitas la pensopovon.

La volo kaj la penso estas du ne disigeblaj amikoj, sed ni ne forgesu, ke la volo devas esti ĉiam la gvidanto kaj neniam kontraŭe. La homo, kiu estas sklavo de pensoj kaj instinktoj malmulte diferenciĝas de la besto, kaj li estas bedaŭrinda malfeliĉulo, kiu neniam estos kapabla direkti sin mem.

La volo devas esti nevenkebla kaj se ni observas la homojn kiuj estas kapablaj fari grandajn agojn, ni vidas, ke ili ĉiam posedas firman volon.

La homo kun malforta karaktero devas serĉi rilatojn kun bonmoraj amikoj por lerni de ili kaj eviti la rilatojn kun malbonaj dubekarakteraj amikoj.

Sed iu diras, kiel mi povos disvolvi fortan volon? La respondo estas simpla: *La volon oni plifortigas per agado.*

Ĉiam, kiam ni decidiĝas por ia bona ago ni devas ĝin efektivigi, ĉar per tio ni plifortigas nian karakteron kaj nian volon, sed se ni ne efektivigas nian decidon, ni malfortigas nian volon kaj plifortigas karakteron en kontraŭa senco, t. e., en mallaboremo. La pruvon pri tio ni trovas ĉiumomente. Ekzemple, la laboro kiun oni ne faras tuj dum la oportuna tempo, farigas ĉiutage pli malfacila kaj se oni forŝovas ĝin, ĉiam por morgaŭ, venos la momento kiam oni plu ne havas la forton por ĝin fari. «Oni devas forĝi la feron kiam ĝi estas varma» kaj ni povas diri: «Pensu bone kaj agu tuj profitante la favoran impulson».

Por agi bene oni devas antaŭe pripensi la agon, same kiel pafisto devas plej frue celi kaj poste pafi kaj ne pafi kaj poste celi. Neniam ni pensu en du aferojn samtempe kaj nur kiam ni pripensis pri unu afero, ni pensu pri la alia. La konsiloj estas simplaj sed utilaj.

Nun ni revenu al praktika kampo. Supozu, ke ni volas forlasi la fumadon. Plejfrue ni meditos pri ĉiuj malagrablajoj kiujn alportas la fumado. La elspezojn, malbonan influon je la sano, la suferojn kiujn kaŭzas la mauko de tabako al pasia fumanto, la domaĝojn kaŭzitajn kiel, bruligo de vestajo, aŭ de tablokovrilo, malagrablajn momentojn kiujn ni kaŭzas al nia kunvivantoj, k. t. p., forlasante neniun malkonvenajon



SEVILLA.—Belega pordo al korto de la katedralo, en kiu oni vidas antikvan fontanon vizigotan

kiun ni rememoras. Pensante tia maniere ĉiutage ni pli fortigas la kontraŭajn sentojn ĝis kiam ni sentas nin sufiĉe fortaj por ĉesigi tiun ĉi malbonan kutimon kaj tiam ni devas malrapide, tago post tago malaltigi la kvanton da tabako ĝis kian ni tute forlasas ĝin. Oni ne forgesu, ke estas necese ripeti ĉiutage la meditadon ĝis kiam ni ne sentos plu eĉ plej malgrandan deziron por la fumado. Ankaŭ ni devas pensi multe pri la ĝojo, kiun kaŭzos al ni la liberiĝo de tiu ĉi malbona kutimo.

Ĉiu, kiu procedas simila maniere, povas iom post iom sen suferoj forigi ĉiujn malbonajn kutimojn kaj sekve ankaŭ transformi laŭvole sian karakteron.

Mi observis ke preskaŭ ĉiuj decidiĝis subite forigi siajn malbonajn kutimojn estis post kelkaj tagoj venkitaj de la enradikiĝinta kutimo kaj revenis fariĝante denove ĝiaj sklavoj dirante, ke estas neeble venki ĝin. Se ili pensus pri tio, kiom da tempo ili bezonis por lerni tiun ĉi malbonan kutimon, ili komprenus ke same oni bezonas iom da tempo por forlasi ĝin.

Per tiu ĉi metodo eĉ la plej malfacilaj agoj fariĝas iom post iom facilaj kaj se ili estis malagrablaj komence, ili fariĝas je la fino agrablaj kaj eĉ necesaj.

Estas preskaŭ senutile batali rekte kontraŭ la pasioj kaj instinktoj, kiam ili vekiĝis kaj tial ni devas ĉiam atenti pri la pensado por ne veki ilin per nia imagemo. Tamen, se pro nia malatento vekiĝis en ni ia pasio aŭ malnobla instinkto, ni devas senprokraste direkti ĝin aliflanken per helpo de la pensado. Ekzemple, se la kolero ekregas nin, ni devas ĝin transformi je amo per helpo de pensoj direktitaj je unu persono aŭ objekto kiun ni amas, ne forgesante samtempe profitigi la antaŭe cititajn rimedojn kiel muskolmalstreĉiĝon, retenon de la spirado k. t. p.

Tamen oni ne devas sin forgesi en similaj momentoj, ĉar la sinforgeso estas kaŭzo de neevitebla katastrofo.

Kontraŭ la seksa ekscitiĝo ni devas pensi en la honton, malsanojn, laciĝon, humiliĝon, k. t. p., farante samtempe longajn promenadojn kaj evitante longaŭ sidadon kaj kuŝadon. La plejbona batalilo kontraŭ la pasioj estas, forkuri al ili (t. e. ne pensi en ilin) kaj direkti nian pensadon en la idealojn plinoblajn.

Se ni volas elvoki la laboremon ni devas pensi en la ĝnojn, kiujn donas al ni la plenumita laboro.

Resume, ni povas diri:

1.e Oni edukas la karakteron per firma volo, kiu direktas la pensojn ĉiam sur la noblajn idealojn.

2.º Firman kaj fortan volon ni edukas per agado.

3.e Ni devas eviti rilatojn kun malbonaj amikoj kaj ne aŭskuiti la skeptikulojn.

4.e Ni devas ofte mediti pri noblaj ecoj kaj ne perdi la tempon en senutila revado.

5.e Ni devas ripeti bonajn agojn, ĝis kiam ili fariĝos kutimo kaj sekve parto de nia karaktero; profitante favorajn ideojn, sentojn, impresojn kaj impulsojn.

La penso fariĝas ago, la ago kutimo kaj la kutimo karaktero sekve ni pensu ĉiam konscie.

*V. Cimr.*

---

# Esperanto kaj la Societo de la Nacioj

La kreo de la Societo de la Nacioj estas nun afero nepridubebla. Tiu Societo havos rolon politikan gravegan ne nur dum la unua tempo de sia ekzistado, sed ankaŭ en la estonteco. Sed ĝia rolo eble ne estos nur politika: ĝi estos ankaŭ ekonomia kaj scienca. Tiun-ĉi lastan punkton montris klere S-ro Charles Nordmann en la Numero de la Ian de Januaro lasta de l' «Revue des Deux Mondes». La Societo de la Nacioj, diras S-ro Nordmann, devos nepre sin okupi pri ĉiuj sciencaj demandoj havantaj karakteron internacian, kaj, inter ili, pri tiu de la reformo de la kalendaro, kiun la aŭtoro tiam disvolvas en ĝia pleneco. Nu, alia

scienca demando de internacia intereso estas nedubeble tiu pri la oficiala enkonduko de la L. I. La mondo havos baldaŭ la plej taŭgan okazon por realigi tiun grandegan kaj utilegan progreson: La Esperantistoj ankaŭ devus sin turni al la Societoj de la Nacioj kun la peto «interkonsentigi la Naciojn pri la deviga enkonduko de la studo de Esperanto en la lernejoj de la tuta mondo.» Aliaj Esperantistoj pensis jam pri tio, ĉar en la ĵurnalo «Esperanto» de Januaro 1919, ni legas diversajn proponojn, inter kiuj, tiun de la komitato de B. E. A. (Britio) kiu anoncas publikan manifestacion por subteni la alprenon de Esperanto en «La Brita por Ligo de la Nacioj». Laŭdindaj iniciativoj, sed kiuj, izolitaj, ne sufiĉas! Niaj ĉefaj institucioj, la Akademio, la Centra Oficejo, devus sin turni al la Societo de la Nacioj, klarigi al ĝi plej detale la demandon pri la L. I., teorie kaj praktike, t. e. doni la motivojn favorajn al la demando, konigi ĝian historian vidpunkton, kaj precipe, fari kiel eble plej plene kaj alloge la priskribon de la praktikaj rezultatoj akiritaj en la tuta mondo kaj en ĉiuj homaj aferoj dum nia pli ol 30 jara ekzistado, kaj konkludi pri la neceseco por la Societo de la Nacioj, enkonduki Esperanton kiel oficialan helplingvon internacian kaj trudi ĝian pristudon en la lernejoj de ĉiuj civilizitaj landoj de l' Terglobo.

Tamen, eĉ tiu agado ne estas sufiĉa, ĉar la estroj de la Societo de la Nacioj povas dubi pri la vera stato de nia disvasteco. de nia tutmonda graveco kaj forto; oni devus doni al ili palpeblan pruvon pri nia ekzistado kaj tial la Brita manifestacio devus fariĝi tutmonda manifestacio. Ĉiuj Esperantistaj kluboj de l' mondo devus pritrakti la demandon ĉi tie priparolotan, organizi manifestaciojn, kaj paroladojn, publikigi artikolojn pri ĝi, kaj multobligi la petskribojn, adresotajn ĉu al la Akademio ĉu al la Centra oficejo, kiuj ilin komunikus al la Societo de la Nacioj kiel apogiloj kaj pruviloj aldonitaj al la ĝenerala kaj detala klarigo de la demando pri L. I. ĉi supre aludita.

Estas eble ke la diskutado de la demando en la tutmondaj Esperantistaj Societoj, havigus aliajn efektivigotajn rimedojn, sed unu punkto estas certa, ni devas montri al la Societo de la Nacioj nian ekzistadon, nian gravecon, nian forton, kaj ju pli granda estos la farota impreso, despli utila, kaj sukcesiga estos la ĵus dirita agado despli proksima estos nia triumfo.

La ĵus legitaj ideoj estis proponitaj kaj priparolitaj en la «Genta Esperanto Klubo LA PROGRESO» (Belgio) Fondita dum la milito. Ĝi insiste petas ke ĉiuj samideanaj kluboj de l' tuta mondo agu kiel dirite, kaj ĝi kun plezuro ricevos ĉiujn petskribojn, de kie ajn ili venas; ĝi kolektos kaj transsendos ilin al la Centra Oficejo, se la kluboj ne preferas interrilatiĝi rekte kun ci tiu lasta.

L. COGEN
Vice-Prezidanto de la
Genta Esperanto Klubo LA PROGRESO
12, Rue Maison-Dieu, Gento

P. S.—Ĉiuj ĵurnaloj esperantistaj estas petataj enpresi ĉi-tiun artikolon.

---

# PRI LA FLORAJ LUDOJ KAJ ĜIA DEVENO

## TIUJ DE TOULOUSE

### VI

(LASTA)

Diversaj estas opinioj de modernaj aŭtoroj pri la fondo de la Toulousaj floraj ludoj, fondo atribuita de iuj al *Flora Isaura;* sed akto de la urbestraro de Toulouse, datumita je 1323, priskribanta la ludojn, nuligas tiun lastan opinion. La akto en provenza lingvo diras:

Je 1323, tagon, dediĉita festi Ĉiujn Sanktulojn, sep kavaliroj de ĉi tiu urbo, amantaj beletristikon, kunvenis en ĝardeno de la antaŭurbo *San Esteban*, kaj decidis inviti per



SEVILLA.—ĈEFA EL LA NAŬ PORTALOJ DE LA KATEDRALO. XV.ª JARCENTO

cirkulero ĉiujn poetojn de la ĉirkaŭaĵoj dezirantajn ĉeesti konkurson okazontan la unuan de Majo de la sekvanta jaro, promesante doni violon el oro kiel premion al plej bona poeto samtempe deklamanta lian poeziaĵon. Ĉi tiu letero estis skribata verse, provenze rimita, laŭ oni konstatas en ĉi tiu registrejo, kaj ĝin dissendis al ĉiuj urboj parolantaj lingvon de *Oc*. La sep kavaliroj estas nomataj: *Bernardo de Panassac, Damoisseau, Vilhelmo de Lobra, Verenguer de S. Plancat, Petro de Mejanessere, Vilhelmo de Gontant, Petro Baraignon* kaj *Bernardo Oth*. Tial ke la urbertranoj de la urbo amas beletristikon, ili voĉdonis en kunveno okazigi ĉiujare saman konkurson je la sama tago ankaŭ. Multenombraj poetoj alvenis la difinitan tagon: unuan tagon de Majo, la poetoj ĉeestis malfermon de la konkurso en la urbertrejo kaj deklamis siajn verkojn; sekvantan tagon, eksamenis versaĵojn la sep kavaliroj kaj du komitatanoj de la urbestraro, kaj je la tria tago, festo de la Sankta Kruco, aŭdinte meson, ili aljuĝis premion antaŭ la publiko al poeto *Arnaud Vidal*, kiu naskiĝis en la urbo *Castelnaudarry* pro poemo verkita je la honoro de l' *Sankta Virgulino*.

Sekvantan jaron, je la sama tago, per akto de la kunveno, oni decidis: «por plej bone gravigi akademie la konkurson oni nomis kancelieron kaj sekretarion; la unua por stampi la premiitajn versaĵojn kaj la dua por kopii ilin sur aparta registrolibro. De tiam oni nomis la sep fondintojn *Subtenantoj*, kun la devo konservi dum la estonto la konkurson. La aktoj de ĉi tiuj ludoj, konservataj en Toulouse, atestas ke 32 jarojn post la fondo oni starigis ĝiajn leĝojn de amo, tiel nomitaj, kaj plinombrigis la premiojn per du aliaj, la dua estis imitita floro de kratago (1) el oro kaj la tria kalendulo el oro ankaŭ; la unua premio, la violo el oro, rajtigis la gajnanton esti kvalifikata Licenciato, kaj la gajnanto la tri premiojn estis konsiderata Doktoro pri Gaja Scienco ĉu li estis tion petinta. La plej bona poeto estis kronata el laŭro kaj nomis lin *fidela amanto la Kortegon de Amo*, ĉar li ricevis la kronon el manoj de virinoj. Ambaŭ titolojn oni redaktis verse kun la marko de la kanceliero. Oni nomis la premiojn *juvelo;* kaj la ceremonioj por ilin doni, tiu de la doktorigo kaj leĝoj estas en arĥivo de Toulouse, kaj priskribitaj provenzverse. La poeto Molinier, kiu estis kanceliero, verkis formularon pri la ceremonioj, aperanta en sia verko pri beletristiko.

Molinier diras per sia vortaro, ke *Clemencia Isaura*, je 1540, testamentis siajn bienojn al la urbo *Toulouse* kondiĉe ke ĉiujare oni fabrikus kvar florojn el arĝento orumita, imitante akvilegion, kalendulon, violon kaj rozon; ke la tri unuaj estus premioj por la plej bonaj poetoj, kaj ĉiu floro nur estus kostonta 75 frankojn, metita sur arĝenta portilo kun la ŝildo de la urbo gravurita; ke la kvara estus donacita favore al infano. Ankaŭ diras Molinier, ke la urbestrejo, nomata *la Pierre* kaj halo estis parto el ŝiaj bienaĵoj.

La unua festo estis ĉiam diservo kiun ĉeestis la urbkonsilantaro; poste, la poetoj en la urbestrejo deklamis siajn versaĵojn antaŭ la urbaj altranguloj kaj urbanoj; je la tria tago, izolitaj en salono, la poetoj improvizis verkon pri antaŭe difinita temo, kaj poste, kontraŭ statuo el blanka marmoro reprezentanta *Clemencia'n*, kronata el floroj kaj kun zono ankaŭ el floroj pendanta ĝis piedoj, la poetoj ricevis la premiojn el manoj de la urbestro, kiu estis la prezidanto. La ĉeestantaro aplaŭdadis, muzikistaroj ludis, kaj poste la urba gardistaro, la muzikistaroj kaj la amikoj de la poetoj, akompanis ĉi tiujn al iliaj hejmoj.



PRI PERSUJO

La persanoj komencas instrui siajn infanojn kiam ĉi tiuj estas kvinjaraj, kaj post ĉi

(1) Kratago estas sovaĝa rozarbeto abunda en Hispanio, kies floro estas blanka kaj iomete rozkolora; en ĝia trunketo enpenetras speciale kaj parte branĉojn el rozarboj por atingi plej variajn rozarbojn belajn.

tiu aĝo. gis kiam ili estas dudekjaraj ili lernas rajdi, pafi la arkon kaj diri la veron. Ili nenion trovas pli honta ol mensogi kaj duavice havi ŝuldojn; ĉi tio lasta estas al ili abomeninda pro diversaj kaŭzoj, sed precipe tial ke ili diras: «Tiu, kiu havas ŝuldojn, mensogas nepre.» («Klio-Libro II.ª)

# LA ŜTONEGO DE LA MAŬRO

III.ª

*(Daŭrigo)*

La tempo pasis; post la varmeta aŭtuno venis la malvarma vintro, post tiu ĉi la ridanta printempo kaj pli malfrue la varmega kaj seka somero. Dum, la kristanoj aperis du fojojn detruante la fruktodonan valon, malaperante poste kiel la uragano kiu detranĉas la arbojn, vundas jarcentaĝajn kverkojn, elbordigas la akvojn de l' torentoj, ŝanĝas la fluejon de la riveroj kaj malaperas poste je rapidega ventturniĝego trenata de la diablo, kiu gvidas ĝin; du aliajn fojojn la toledanoj vidis la detruon de siaj rikoltoj multekvantaj, kiuj estis por ili la vivo, kiu iom post iom forlasis ilin.

Kaj sin sentante mortvunditaj; *Jahia* kaj la regatoj terure vidis antaŭeniri la momento proksima submetiĝi ĉe la piedoj de *Alfonso* petegante pardonon kaj kompaton.

Ĉar ankaŭ pro la tempo pasîta, ili perdis sian trankvilecon, kaj ĉiutage malaperis unu iluzio pli anstataŭita de nova malespero. Surdaj al iliaj petoj, la arabaj princoj pri ĉio pensis antaŭ ol pensi helpi ilin, *Abul* mem, kiu estis certe la sola espero, la sola, ĉar oni esperis helpon pro lia sindonema promeso, ŝajnis ke li ĝin forgesis. De kiam li foriris en sian regnon nenion oni sciis pri li. Iuj opiniis ke li estis mortinta kiel la reĝoj de Zaragozo kaj Badaĥozo; aliaj kulpigis lin dirante pri li kiel pri *Alfonso*, la antikva protektito de *Al-Mamun;* sed ĉiuj interkonsentis pri io: ke li ne revenos; ke haltigita ĉe lia lando, li forlasis sian promeson ĉu pro malpropraj kaŭzoj, ĉu dependantaj el sia volo, ĉu ĉar li komprenis la gravecon de la entrepreno de li promesita pro la malfacilaĵoj grandegaj kiujn li trovis, forgesante tial siajn amikojn kaj sian promeson.

Tamen, ĉe la palaco estis persono kiu ne opiniis tiel; kiu ne povis kutimiĝi pri la ideo ke, la viro, kiu vekis ŝian koron, estis nekonstanta kal malkuraĝa: tiu persono estis *Sobejha*, la mahometana virgulino kiu ŝajnis anĝelo de la Paradizo meze la kortego de sia frato. Ŝi sentis admiron pri la nekonita savonto, kiun la profeto havigis al la toledanoj, kaj, enamiĝita de lia kavalireco kaj dankemeco, la simpatioj, kiujn komence ŝi sentis por *Abul*, firmiĝis pli kaj pli dum la tagoj de li pasitaj ĉe Toledo; tial ke tiu somera nokto parfumita kaj pura, kiam la voĉo de la mahometana amanto sonis ĉe ŝia aŭdo kiel belega muziko, pli riĉa da harmoniaj notoj, ol la kanto de la najtingalo; tiu trankvila nokto. kiam la luno kaj la steloj aperis pli brilaj, ol se ili estus festlumoj je ŝia amo, ŝi donis sian koron al *Abul*, farante lin mastro absoluta de sia sorto. Sekvantan matenon, kaŝita poste la fenestro, ŝi vidis lin foriri akompanata de *Jahia*, kaj ŝi ankaŭ vidis kiel li turniĝis fojojn por rigardi ameme la fenestron de *Sobejha;* kaj tiam ŝi ankaŭ rigardis lin, kaj kiam ambaŭ rigardoj sin trovis. la vangoj de la princino ruĝiĝis, kaj io, kiel la dolĉbrueto de kiso, alvenis al ŝia koro tra ŝiaj aŭdoj.

De tiam, kun la dezirego de tiu kiu atendas, *Sobejha* pasigis la tagojn atentante pri ĉiuj la novaĵoj, kredante ricevi ĉiu momente sciigon pri la alveno de la kurieroj de *Abul* anoncante lian baldaŭan revenon. Sed pasis la tempo, kaj la novaĵoj ne alvenis, nek la kurieroj, kaj trompita de siaj unuaj kaj belegaj iluzioj la juna princino, ne havante amikan koron al kiu konfidi siajn malĝojojn kaj al kiu peti frazojn de espero, same kiel la kreskaĵoj velkitaj de la sunradioj bezonas la akvon, komencis paliĝi kaj malsaniĝi iom post iom, kaj sin sentis vundata de la morto. Delikata floro, estis neeble ke ŝi

povu kontraŭstari vane la furiozecon de la uragano kiu frapis ŝin. Ĉirkaŭ ŝi la malgajeco, la priokupeco; sulkon de senespero kaj malfeliĉeco montris ĉiuj la fruntoj; nubojn de malĝojeco, ĉiuj la okuloj; nigran kaj fatalan ombron ĉiuj la spiritoj. Ĉe ŝia animo la malpleneco, la nepreco esti amata, la deziro de la paco kaj trankvileco. Tiu junulino meritis la ĝuon de la feliĉeco, kaj tamen ŝi suferis la doloron de la fataleco. Dum vivis *Al-Mamun*, ŝia patro, kaj la regno ĝuis la pacon, *Sobejha* estis feliĉa; de kiam la militado frapis per terurega bruado la orajn pordojn de ŝia palaco, la timo kaj la malkvieteco ĉagrenis konstante ŝian animon. Ŝi ne bezonis por vivi luksajn salonojn, belegajn kaj riĉornamitajn ĉambrojn, brilon de riĉeco; famon de la povo; ŝi bezonis iom da paco; aeron, lumon, florojn, dolĉajn amparolojn nur bezonis ŝia spirito.

Kaj ju pli la tempo pasis kaj la sieĝo estis pli terura pro la malsato, des pli la ekzistado de tiu belulino sin estingis ĉe medio nespirebla de ŝi.

*Sobejha* ĝin sciis; sin sentis morti iom post iom, kaj antaŭvidis ke baldaŭ la dia *Azrael'*, mistera ĉefanĝelo de la morto, etendos siajn nigrajn flugilojn saturitajn de malĝojeco super ŝi. Interna voĉo diris al ŝi ke *Allah*, kompatema, evitos al ŝi vidi la ruinon de ŝia regno, kaj nur dum tiuj longaj kaj malgajaj tagoj pensante vidi lastfoje subiri la suno en la horizonton, unu sola penso tremigis ŝian koron: tiu penso diris al ŝi ke *Abul* ne mortis, ke gravaj aferoj restigis lin ĉe lia lando spite lia deziro; sed ion ankaŭ aldonis, ke li revenos malfrue por rehavigi la vivon al ŝi kaj la liberecon al Toledo. Kaj pensante pri tio ĉi, kaj konsumita de nekonita malsano alvenis tagon de kiam ŝi ne povis ellitiĝi.

Ĉiuj la gekorteganoj ekkriis terure. La malfeliĉulino estis tre amata de ĉiuj kaj ŝia morto ŝajnis anonci tiun de ŝia popolo, de kies teruraĵoj la senlima boneco de *Allah* volis ŝin savi. *Jahia*, super ĉio, ne povis sin montri kuraĝa, kaj ploregis.

De la komenco la kuracistoj malbone opiniis pri la malsano. Kia malsano dolorigis *Sohejha'n?* Ili ne sciis ĝin; nur povis montri ĝiajn progresojn sur ŝia korpo delikata; ŝiaj vangoj palegaj, ŝiaj okuloj tro enkavigitaj montris strangan lumecon; ŝia voĉo ĉiufoje pli mallaŭta, kaj ŝia pulso ĉiufoje pli malrapida estis; oni povis rimarki ĉiumomente, ke la vivo foelasis ŝin iom post iom.

*Jahia* demandis al la plej famaj judaj kaj arabaj kuracistoj pri la malsano kiu mortigis sian amatan fratinon, kaj la doktoroj silente klinis siajn kapojn blankigitajn de l' studado, konfuzitaj ĉar ili ne sciis ĝin diagnozi, kaj la popolo, sciante tion, murmuris: —*Allah* ŝin kunportos, *Allah* forprenas ŝin al ni, ĉar ni pereos, kaj li ne estas kolerigita pri ŝi!...

Nokton, preskaŭ je la tagiĝo, je tiu horo kiam la ombroj kaj la lumo fandiĝas je kiso laŭlonge la horizonto, *Sobejha* devigis *Aben*, sian sklavon, sin prezenti, ĉar li servis ŝin de kiam ŝi estis infanino, kaj per mallaŭtega voĉo, ĉar la fortoj forlasis ŝin rapidege, diris al li:

—Mi mortos tuj, *Aben;* la anĝelo *Azrael* venas serĉi min kun la lumaj radioj kiuj ekbrilas ĉe la malproksimeco kaj jam 'movegas senpacience siajn flugilojn; antaŭ mi devas mendi ion al vi, kion certe vi plenumos, ĉar estas mendo mia, de cia amata princino, ĉu jes?, kaj samtempe estas la lasta petego de cia mortonta mastrino. Toledo falos, nia regno renversiĝos, kaj de post kiam tio okazos *Abud-Walid* venos kun militistaro liberigi ĝin, sed malfeliĉe estos malfrue. Mi cin ordonas ne sekvi mian fraton, ci restados apud Toledo, kaj kiam ci scios ke Abul venas, vidu lin kaj diru al li, ke mi ne dubis pri li, ke mi mortis tial ke li ne venis; sed ke mi mortis atendante lin!...

Konfuzaj radioj eniris tiam tra la fenestro; la tagiĝo brilis ĉe la ĉielo, kaj la nebuletoj foriris en la Okcidenton; malgrandaj rozkoloraj nuboj atendis la eliro de la suno; la birdoj vekiĝis tremigante la foliojn de la arboj; la floroj sin malfermis... *Sobejha* turnis siajn okulojn en la fenestron, avide rigardis la unuajn radiojn de la suriranta suno,

apogis la kapon sur sian alabastran ŝultron kaj dolĉegan sopiron ellasis...

La suno majeste suriris; la birdoj ekkantis; lo floroj finis sin malfermi; la alaŭdoj etendis siajn flugilojn; la *muezzino* de la turoj de la araboj preĝejoj, vokis la kredantojn por la matena preĝo, kaj subite la parfumoj kaj hamonio ŝarĝis la atmosferon. La anĝelo *Azrael* pasis tra ventturniĝoj portante sur siaj flugiloj *Sobejha'n*, kaj la naturo ameme salutis la animon kiu supreniris en la ĉielon.

*(Daŭrigota)*

---

# ESPERANTA MOVADO

*Bilbao.*—Nia sperta kunlaboranto S-ro Felikso Díez, profesoro ĉe komerca Universitato de Deusto, klarigas esperantan kurson ĉe la «Instituto Vizcaíno»; li entuziasme propagandas Esperanton per hispanaj artikoloj sur jurnalo de Bilbao, kaj ni esperas, ke li bone sukcesos. En la Ateneo li bonege sukcesis per parolado pri la temo «Lingva problemo en Eŭropo», finante per vortoj por kaj pro Esperanto; kaj tiel estis la sukceso, ke la gazetaro de Bilbao raportis laŭdante nian samideanon.

*Barcelona.*—La Esperanta Societo «Paco kaj Amo» kunvenis ĝenerale la 5.an de Januaro kaj decidis entuziasme akceli ĉiel Esperantan propagandon, kaj peti al la Barcelona urbestraro ke ĝi nomu unun el novaj stratoj de la urbo DOKTORO ESPERANTO, kaj pro tio kaj pri tio oni interesigis eminentulojn. Ankaŭ oni elektis la jenan komitaton: S-rojn Francisco Piñol, Prezidanto; Jozefo Rocafull, Vicprezidanto; Jozefo Roig Camps, Sekretario; Marachs Torrente, Vicsekretario; Francisco Alsina, kasisto; Jacinto Sangenis, kalkulisto; Karolo Segura, Bibliotekisto; Eliseo Margalló kaj Jozefo Mestre, Voĉdonantoj.

«Paco kaj Amo» aktive propagandas. Ĝi organizas instruantajn vizitojn kiujn partoprenas plimulto de la membroj kaj dum ili oni disdonas broŝurojn kaj propagandilojn. Ĝi donacis al la Biblioteko de geblinduloj de Barcelono ekzempleron de la verko «Ĉiama Kantajo» kaj kompendion de Esperanta Gramatiko, ambaŭ verkojn estis kopiitaj laŭ sistemo Braille de S-ro Esquerra, blinda samideano.

*Cádiz.*—Artileria Kapitano S-ro Ludoviko Flórez eklaboradas por revivigi Esperanton en ĉi tiu urbo kaj tial ke li estas entuziasma, fervora kaj energia esperantisto, ni esperas lian tutplenan sukceson.

*Tarrasa.*—La Grupo «Lumon» elektis novan komitaton: S-ro J. Puig, Prezidanto; S-ro J. Barro, Sekretario; S-ro J. Carles, Kasisto; S-ro M. Garriga, Bibliotekisto; S-roj N. Casamada kaj S. Chaler, Voĉdonantoj. Ankaŭ fondis propagandan fakon, direktata de S-roj S. Chaler, J. Rigol, J. Flotats kaj J. Marti, kiel Prezidanto, Sekretario kaj Voĉdonantoj respektive.

En la Grupo «Lumon» oni daŭrigas sukcese la kurson gvidata de S-ro Garriga kaj en «Escola Catalana» tiun gvidata de S-ro Chaler por infanoj, el kiuj 15 jan ekparolas nian lingvon.

*Zaragoza.*—La Grupo Frateco decidis sendi ĉiumonate poŝtkartojn al ĉiuj Estroj de la diversaj nacioj el la mondo, petante ilin akceptu Esperanton kiel internacian kaj helpan lingvon. La Grupo rekomendas al ĉiuj samideanoj fari la samon por plej bone interesigi la Estrojn.

*Sevilla.*—La Esperantista Grupo eldonis belajn poŝtkartojn ilustritajn kun priskribaĵo esperanta. Ni rekomendas ĉi tiujn belajn poŝtkartojn al la interŝanĝantoj. Ankaŭ la Grupo publikigis interesan cirkuleron hispane verkita por komercistoj kaj industriistoj pri la grava helpo kiun ĉi tiuj povas havi per Esperanto profitante ankaŭ la helpon de la Grupo preta ĉiam je ilia dispono.

*Cuevas* (Almería).—Nia zamenhofano S-ro Diego Aznar faris paroladon *Dimanĉon*, 23.an de la ĵus pasinta Februaro, pri Esperanto en Laborista Klubo, kaj la sukceso estis tiel granda ke nia kamarado malfermis kurson. Preskaŭ certe li ankaŭ kaj baldaŭ atingos la samon por fraŭlinoj en Katolika Klubo, ĉar li faris paroladon por ili, kaj naskis entuziasmon kiu fruktiĝos baldaŭ laŭ nova kurso.

*Jerez.*—La Grupo entuziasme daŭrigas propagandi Esperanton sin turnante al eksministro S-ro Angusto Miranda voĉdonanto de la hispana komitato por la estonta Ligo de Nacioj, por ke li proponu Esperanton kiel la lingvon de la Ligo.

*Riotinto* kaj *Nerva* (Huelva).—Entuziasmaj esperantistoj fervore propagandas Esperanton en tiu provinco, kaj la sukceso jam ekelmontriĝis. La Grupoj «Riotinto» (Riotinto) kaj «Amikeco» (Nerva) kunlaboradas kaj helpas sin reciproke por plej bone atingi la sukceson. Pri kio ajn sin turnu al S-ro Gabriel Chavero. strato Elias Serrano, 19.—EL VALLE (Riotinto). HUELVA.

## AVERTO

Ni sendas la revuon al ĉiuj Zamenhofanoj kaj ni rimarkigas, ke de la Centra Poŝtoficejo deiras perfekte pretigitaj ĉiuj specimenoj; certe la ricevantaj poŝtoficejoj estas kaŭzo por perdo.

Bonvolu sendi kiel eble plej baldaŭ kotizaĵojn por ĉi tiu jaro.

# SPRITLUDOJ de NOVEJARQUE

Solvo de la Proverbo:

(DI - OFER - MAS - L - A - BAL - KO - NO - N - KAJ - MAL - FER - MAS - L - A - POR - D - EG - ON)

«Dio fermas la balkonon kaj malfermas la pordegon».

Solvo de la Hieroglifo: (K-ok soj) KOKSOJ.

## AKROSTIKA ŜARADO

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1.ª | 2.ª | = | FRANDEMA BAKAĴO |
| 2.ª | | = | BIRLO |
| 3.ª | | = | SPACA PARTO |
| TUTO: | | | B I R D O |

## HIEROGLIFO

| | |
|---|---|
| I | II |

Solvoj en venonta numero.

# ANONCFAKO

Senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj

S-ro Benigno Luna interŝanĝos ilustritajn poŝtkartojn kun fremduloj. Adreso: strato Luisa Fernanda, 18.—Madrid (Hispanio).

---

La lernantoj de unugrada kurso esperanta ĉe «Aplec Esperanta Grupo» (Via Masague, 55. *Sabadell*. Hispanio) akceptas korespondadi kun ekster-kaj enlandaj gesamideanoj per leteroj kaj ilustritaj poŝtkartoj.

---

Jako Claramunt. Mariano Aguiló, 67, Barcelono (España). – Deziras korespondadi kun ekstereŭropanoj kaj hispanoj. Nepre kaj tuj respondas.

---

D-ro Casto Vilar.—Hotelo «La Peninsular», Placo S. Fernando, 20, Sevilla (Hispanio.—Interŝanĝados I. P. kun fremdaj samideanoj,

---

S-ro José E. Pedraz el *Santander* (Hispanio) strato Rua Menor, 32, deziras interŝanĝi pk., pm., esperantajn gazetojn kaj esperantaĵojn.

---

Svitberto J. Degenkamf. Betlehemweg, 36. Utrech (Nederlando).—Interŝanĝas P. K. I. montrantajn nur preĝejojn, ankaŭ esperantajn gazetojn.

A. Tomás Iglesias deziras korespondadi kun hispana samideano, sperta esperantisto, por perfektigi konon de la lingvo. Adreso: Compañía Industrial de Cereales, Apartado, 41.—*Santander*.

---

Aleksandro Mora; strato Serrano, 4, 1.° *Tarrasa* (Barcelona-Hispanio). - Volonte korespondades kun ĉiulandaj gesamideanoj, Ĉiam tuj respondos.

---

La gelernantoj de Portugala Esperantista Asocio Socialista deziras korespondadi esperante kun ĉiulandanoj per I. P. K. Adresu la unuan P. K. al profesoro, S-ro Jozefo Pires Barreira, R. de S. Marcal, 60.—*Lisbono*.

---

Filatelistoj! Jesús Ramírez, strato Cabestreros, 10 kaj 12, Madrid (Hispanio), tuj sendos 50-100 p. m. de Hispanio, Portugalio kaj Kolonioj iliaj al filatelisto sendinta saman kvanton da p. m. de militintaj landoj, de Afriko, Azio kaj Oceanio.

---

Luis Rodríguez Escartín, strato Ilustración, 8, Madrid.—Deziras korespondadi kun ĉiulandaj gesamideanoj.

---

S-ro Nestor Alvarez, strato Mendizábal, 56-Madrid (España), interkorespondados per ilustritaj poŝtkartoj.

---



Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid